Jaro V * N.° 49ª



Januaro * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos.



D.ro L. L. Zamenhof perdis sian amatan patron, la eminentan filologon M. F. Zamenhof, aŭtoron de la «Esperanta Proverbaro».

Al li kaj al lia respektinda familio sendas plej koran kondolencon

LA REDAKCIO.

## IV INTERNACIA ESPERANTISTA KONGRESO

### Dresden, 16-22 Aŭgusto 1908

*Unua cirkulero de la Kvaro por la kvara.*

Apenaŭ la lasta brilo de la glora tria kongreso estingiĝis, kaj jam la unuaj radioj de la kvara estas videblaj. La gesamideanoj jam scias, ke en Kembriĝ' Germanujo invitis la Esperantistaron, la urbo restis ankoraŭ nedifinita. Nun Germanujo, en harmonio kun la Centra Organiza Komitato kaj kun la konsento de D.ro Zamenhof elektis Dresden' kiel la plej taŭgan urbon.

La bela saksa ĉefurbo havas tre oportunan situacion. Ĝi nek estas nordgermana nek suda urbo, ĝuste en bona mezo de Germanujo ĝi kuŝas facile atingebla por ĉiuj landoj. La Kvaro, kiu aranĝos la kongreson, estas: D.ro Mybs, D.ro Schram, S.ino Hankel kaj S.ro Arnohld. Tiu-ĉi kvaro ĉion faros, por faciligi al la kongresontoj la vojaĝon kaj la loĝadon. La Societo por la Interkomunikiĝo de la Fremduloj (Fremdenverkehrsverein) tre afable proponis al la kvaro sian helpon; per kunagado kun tiu-ĉi Societo la kvaro aranĝos malkaran restadon al niaj gastoj. Kun kora gastemeco ni ilin atendas, entuziasme ni ilin akceptos! La malnovaj amikoj revidos unu la aliajn,

novaj ligoj fariĝos, pli intime la granda familio unuiĝos. En la lando de la scienco tre granda ekspozicio montros la riĉan literaturon de nia lingvo.

Post la kongreso ekskursoj tra Germanujo estos aranĝotaj, ni esperaj, ke multaj Esperantistoj partoprenos. Tiuj el ili, kiuj preferas la viziton kaj restadon en trankvila «Esperanta Vilaĝo» trovos en Weisser Hirsch la deziratan ĉarman lokon, veran Esperantistujon. Jam nun oni tie aranĝis kursojn.

La sukceso de niaj entreprenoj dependas de la multnombra apero de la gesamideanoj. Ĉiuj nacioj estu bone reprezentotaj! Ni petas, ke oni baldaŭ anoncu sian nomon kaj profesion klare skribitan, kun detala adreso al la *Oficejo* de la kvara, kiu restos ĝis la definitiva translokiĝo al Dresden (en komenco de somero 1908) ĉe la Prezidanto D.ro Mybs, Altona, a. E., Marktstr. 68. Ankaŭ ne forgesu la donacan kason kaj la Garantian fondaĵon, ĉar ni bezonas multe da mono. Ni do petas, ke oni sendu ĉiujn monojn al la bankejo Fratoj Arnhold (Gebr. Arnhold) Dresden, Waisenhausstrasse 20.

La Kvaro por la kvara. *D.ro Mybs, D.ro Schramm, Marie Hankel, H. Arnhold*

* * *

Ni ricevis kelkajn ekzemplerojn de la oficiala ilustrita invitpoŝtkarto por la kvara Kongreso; ni rekomendas ĝian uzon al niaj amikoj por helpi al la entrepreno de la *Kvaro*. Oni sin turnu por mendoj al S.ro Referendaro Arnhold, *Dresden-Altstadt*, (Germanujo), Waisenhausstrasse 20; la prezoj estas: 1 ekzemplero, 10 pfenigoj; 50. ekzempleroj, 3 markoj; 100 ekzempleroj, 5 markoj.

# Niaj konkursetoj

Ni aranĝos de nun ĉiutrimonatajn konkursetojn por niaj abonantoj. Ne timu! ni ne malfaciligos ilin por ke ne okazu ia freneziĝo. Ciu konkurseto konsistos el tri problemoj kaj al la tri plej lertaj divenintoj ni disdonos malgrandajn premiojn. Car ni jam sufiĉe scias ke ĉiuj niaj abonantoj estas lertegaj, la sorto montros la premiotojn.

1.ª (Plena frazo.)

LI DA

2.ª (Enigmo.)

Mi estas malgranda afero; antaŭmetu al mi konsonanton kaj mi fariĝos tre granda; antaŭmetu ankoraŭ al mi alian literon kaj mi fariĝos grandega, senlima; fine, antaŭmetu denove al mi literon kaj vi ricevos aferon nek grandan, nek malgrandan, sed kiu multe nin priokupas.

3.ª (Demando.)

Per kiu similas kato al cindro?

---

La premioj disdonotaj estas: 1.ª, kravatpingleto esperantista; 2.ª, ekzemplero de «Edziĝo malaranĝita aŭ terura nekomprenîĝo», de Vicente Inglada; 3.ª, dek ĉefeĉaj ŝlosiloj hispanaj.

La solvoj kaj nomoj de la premiatoj ni konigos en la Aprila numero, kiu ankaŭ enhavos la duan konkurseton.

# Profiloj de ekzamenistoj

Tradukita laŭ artikolo de *Journal des Sciences Médicales de Louvain* (jaro 1880[a]).

La priskribaĵoj, kiujn mi havas la honoron prezenti al vi, ne estas kuracistaj skribaĵoj pri malsanuloj. Tiujn ĉi ili ne similas praktike, pli ol albumo da fotografaĵoj similas didaktikan verkon ajn, pli ol plenmano da kampaj floretoj similas fojnan garbaron. Mi do admonas la legantojn, kiuj ne havas tempon perdindan, la *aquilæ qui non capiunt muscas* ne halti antaŭ tiuj skizetoj desegnitaj ne por ili sed por aliaj, per krajono nelerta sed plene sincera.

Ekzamenisto mi ne estas. Ekzamenebla mi ne estas plu... Ho ve! Mia senpartieco estas do tre serioze garantiata. Plie mi aldiras, ke mi iam ne havis gravajn kaŭzojn por plendi pri miaj ekzamenintoj, kaj sekve, ke mi povas paroli pri ili sen malameto. Ĉiufoje, kiam inter ili kaj mi okazis ia negrava malkonsento, ili estis malpravaj... nature!... Sed estas pasintaj la tri tagoj, dum kiuj mi estus povinta malbeni miajn juĝintoj; kaj cetere mia memoro pri la ofendoj neniam daŭras eĉ dum tiu leĝa tempo.

De ĉiuj elstuduloj estas sciate, kiel grava kaj malfacile starigebla estas bona klasigo. En lo zoologio—(mi ne faras ian senrespektan komparon)—la bestoj estis unue ordigitaj laŭ karakterizaĵoj tute eksteraj kaj neprecipaj: haro, plumo aŭ skvamo; kaj kredeble en tiuj pratempoj okazis, ke Nia Patrino la Sankta-Eklezio klasigis la omaaon, la ostron, la akvokokinon kaj eĉ la fokon (mambeston, kiu elparolas: «paĉjo!») inter la nutraĵoj permesitaj dum la «malgrasaj tagoj». Ĉe la nuua tempo, dank'al la superegeco de la Scienco oni serĉas pli gravajn karakterizaĵojn por diferencigi la klasojn, la gentojn, la specojn; kaj tial por klasigi science la ekzamenistoj, kvazaŭ Zoologiistoj mi devus reiri ĝis la ovo: *omne vivum ex ovo;* oni naskiĝus ekzamenisto, kiel oni naskiĝas poeto aŭ kuiristo, kiel oni naskiĝas tigro, karpo aŭ kolombo. Tiom da analiza profundo kredeble ne estas necesa, al kiu intencas ne skribi dikan libron *ex professo*, sed nur pasigi sub la okulojn de la leganto kelke da modestaj profiloj aŭ skizetoj.

Sufiĉas do plene al ni tre simpla apartigo tuj komprenebla por ĉiuj:

Estas ekzamenistoj **bonvolaj**.

Estas ekzamenistoj **malbonvolaj**.

Poste, ni vidos, ĉu inter tiujn ambaŭ klasoj oni povas akcepti trian.

Kvankam tiu apartigo de la bonaj kaj de la malbonaj ekzamenistoj iom similas la Lastan Juĝon, ĝi tamen havas nenion absolutan. Ia malbona okazantaĵo: malfacila digesto, malsato, neoportuna seĝo, podagra ataketo, nazkataro... k. t. p., povas malbonigi la plej bonan juĝiston; aliparte ia dolĉiga influo: la espero pri bona tagmanĝo —(mi citas nur tiun ekzemplon)—povas humanigi ekzameniston nature kruelegan. Sed se estus necese atenti tiujn negravaĵojn kaj tiujn esceptojn, nenia klasigo estus ebla.

Farinte tiujn rimarkojn, vidiginte nian celon, certiginte pri niaj bonaj intencoj, ni ĵetas nin, laŭ la konsilo de Horacio (Arto Poeta), *in medias res* kaj ni komencas niajn profilojn por la plej malbonaj.

## I. La malbonvolaj.

Tiun ĉi klason de la *Monstrum horrendum* ni dividos en multaj specoj... el kiu, la plej bona nenion valoras: maldelikatuloj, ŝajnaj dolĉuloj, ruzuloj, venĝemuloj ĉikanemuloj... k. c... kc... Ĉiuj malbonaj!

—**Tiu ĉi** moke elparolas siajn demandojn; li estas certa, ke oni diros nur «azenaĵojn», kaj bona respondo lin enuas pli ol la malbona, kiun li esperis.

—**Tiu** volas, ke oni respondu nun per «Jes» aŭ per «ne». Se vi diras «Jes», li vin rebatas fortege; se vi diras «Ne», li ankoraŭ vin rebatas, kaj pruvas al vi, ke nur per «Jes» estis respondeble. Por neniigi vian opinion, kaj ajn ĝi estas, li atendis, ke vi estos ĝin elparolinta, kaj li tiel fortege batas vin, nur ĉar vi estas sub li por ricevi ĉiujn batojn.

—**Tiu ĉi alia** dolĉavoĉe starigas demandeton insidan kaj plenan je danĝeroj: vi antaŭeniras ne malfidante, sed baldaŭ vi ekvidas, ke vi ne estas sur la bona vojo. Unu vorto sufiĉus por vin savi, sed tiu vorto ne venas. La *Ariane'a* fadeno ne estas prezentata al vi, oni vin lasas enŝlimiĝi pli kaj pli... «Kiel! pri tiel facila demando? Ha! oni ja vin kredis pli klera!»

—**Tiu alia** priparolas al vi la precipaĵojn de ia demando, kiun vi pritraktus tiel bone kiel li, kaj fine demandas vin pri sensignifa malgravaĵo, precize tiu sola, kiun vi ne konas! «Ha! vi do scias ne... ni... on!»

—**La Ruzulo** vin ekscitas per sia rideto, vin tedegas per siaj pinglaj piketoj; vi iam permesis al vi ekridi dum lia kurso, «nu, dancu nun!» kaj, laŭ lerneja elparolo, li suferigas vin per lerta kaj senfina *tirage en bouteilles* (enboteligo?!)

—**S.ro Akademus** verkis dikan libron—kiu energigis lin en multajn sciencajn societojn—por elmontri, ke oni devas rompi la duonkuiritajn ovojn ĉe la pinto. Ĉar vi ne konas tiun gravegan verkaĵon, vi konservis la kutimon ilin tranĉi ĉe la larĝa ekstremaĵo. La kolerego de via juĝisto vidigas al vi, ke tiu maniero estas grandega malspritaĵo farebla nur de bestegita nesciulo. Kaj jen ekkomenciĝas por vi la turmentego de la pistomartelo: unu post la alia, senkompate, per sia tuta pezo la argumentoj de la dika libro, kiun vi ne legis, ekfalas sur vian kapon.

—**S.ro Hirsutus** demandante vin, vidigas sin plej tedata kaj malafabla. Trovu do ion direblan por plaĉi al tiu grizmiena malbonhumorulo. Li oscedas dum viaj plej bonaj respondoj, aŭ ilin li aŭskultas movigante siajn ŝultrojn kaj dirante: «Mi ne kontraŭdiras!» aŭ «Mi ne neas!» aŭ «estas eble!» Post kelkaj minutoj la plej bone preparita kandidato tute senfortiĝas.

—**S.ro Raminagrobis** ŝajnas kviete dormeti; vi ne scias ĉu li vin aŭskultas; eĉ estas kredeble, ke li ne aŭdas. Sed se vi ellasas la plej malgrandan rekorektaĵon, li subite eldormiĝas, kaj ekkaptas la erareton, kiu en lia buŝo rapidege pligraviĝas. La netaŭgeco de iu vorto fariĝas sensencaĵo! herezo!! monstregaĵo!!! Kaj jen vi per unu ungobato estas tute faligita.

—**S.ro Pandaimon** en si enhavas ĉiujn modelojn ĵus montritajn. Vera Proteo, tiu lertega inkvizitoro aliformigas sin ĉiumaniere, kaj la lasta rondo de la Dante'a infero ne estas sufiĉe vasta por ricevi ĉiujn liajn perfidaĵojn.

Tremantaj kandidatoj! Dio antaŭgardu vin kontraŭ ĉiuj tiuj turmentistoj ĵus priskribitaj, kaj kontraŭ kelkaj aliaj tuj prezentotaj!

II

Jen estas serio da individuoj tiel malfacile enklasigeblaj kiel la vesperto de la konata fablo: «Mi estas birdo... vidu miajn flugilojn! Mi estas muso... pereu la katoj!» Antaŭrigardante nur la rezultaton de la ekzameno, la solan vidpunkton kiu lin interesas, la studento enmetos ilin senŝancele inter la malbonulojn. La filozofo, kiu juĝas pli alte, kaj estas malsevera ĉiufoje, kiam li havas nenion por perdi, ilin lokos inter la bonulojn, tial ke ili eble estas bonaj kiel la urso de la *ĝardenamanto*, kaj tial ke, se ili estas malbonaj, ili estas tiaj nekonscie kaj nepripensinte. Ĉar ni ŝatas nian klasigon nur tiom, kiom ĝi helpas al ni, ni lasas la leganton libera enloki tiujn amfibiek-

zamenistoj en unu el la ambaŭ grandaj klasoj, kiujn post profunda silentado ni proponis al li.

—**La detaletamantoj**. Vi ĵus elpritraktis en maniero tute sufiĉa—por vi—gravan demandon. Via respondo estis metoda kaj plena... Sed vi nenion diris pri ia opinio de negrava verkisto... Sed denombrante argumentojn, el kiuj unu sufiĉus por pruvi vian tezon, vi forgesis la sesan aŭ la sepan... Sed en ovaĵon vi metis neparan nombron da saleroj! Malfeliĉulo! Vi devis ilin meti pare! Kaj jen pro negravaĵeto multaj ovoj difektitaj!

—Tridek lernantoj estas enskribitaj por unu kunsidaro; ekzamenisto **Alea** enĵetas iliajn tridek nomojn en ĉapelon, tridek demandojn en alian, poste li skuas, kaj... *alea jacta est!* Vi ricevos la demandon, kiu eliros el unu ĉapelo ĉe la momento, kiam via nomo eliros el l'alia. Tio estas nepre justa... Sed *summum jus, summa injuria:* la sciegantoj ricevas facilajn demandojn, per kiuj ili ne povas brili, la scietantoj malfacilajn demandojn, el kiuj ili ne povas sin eltiri. Se vi neniam estis ŝanculo, se jam dum via infanaĝo viaj buterpanoj falis kun la konfitaĵo malsupre, via nomo eliros el la ĉapelo ĉe la malbona momento. Vi aŭdigas, ke vi pliamus alian demandon... Vane! Kun la demando donita de la sorto vi devas venki... aŭ morti.

—**Alia**, al kiu vi estas bone respondanta, vin subite haltigas: «Mi vidas, ke vi perfekte konas la demandon, kaj... mi tuj starigos al vi alian». Turmentegisto!

—**S.ro Fermbuŝo** elĵetas al vi sian demandon, poste li renversiĝas sur sia seĝo, krucigas siajn brakojn, aŭskultas kaj silentas nevenkeble. Vi devas mem vin savi: vi estas en akvo... naĝu!

—Se l'obstina muteco de S.ro Fermbuŝo vin konfuzigas, la maniero de **S.ro Kiokial** vin surdigas. Li interrompas ĉiumomente, faligas sur vin malpezan pluveton da demandaj punktoj, saltetas el demando sur demandon, reiras malantaŭen, ĵetas al vi jen «sed», jen «se», kaj ĉirkaŭas vin tiel bone per parentezoj kaj kurbaĵoj, ke baldaŭ vi perdas la fedenon, kaj vi tute nescias, kie vi estas.

—**S.ro Pavido** ne demandas vin por vidi, kion vi scias;—tio ne interesas lin—sed por montri al vi, al la ĉeestantoj, al siaj kolegoj, kion li mem scias. Li preparis la temon, li ĝin malvolvas, ĝin komentarias, pulvorigas imagitajn kontraŭdirantojn, li pave starigas siajn plumojn, per unu vorto: li afektas. Via rolo estas facila. Estas sufiĉe, se vi taŭge jesas aŭ neas. Kaj, ĉar la paroladanto estas ĉiam tre kontenta pri si, okazas kelkafoje, ke li estas kontenta aukaŭ pri vi.

S.ro Pavido eble ne estas bona en si, absolute; sed, rilate, kia bona juĝisto! Kaj kian bonan transiron li donas al mi por alveni al la ekzamenistoj bonaj *in se*, absolute, la vera mielo, la vera sukero, la juĝista kremo, al la vera patroj de la studentoj.

### III

Bone demandi, diris iu—kiu? mi jam ne memoras—estas pli malfacile ol bone instrui. Kaj la sperto elmontras, ke altgradaj scienculoj estas iafoje malbonaj demandantoj. Kian aron da kvalitoj li devas kolekti por realigi la idealan juĝiston, laŭ niaj revoj! Kia sagaceco estas necesa por antaŭsenti la fortajn punktojn de la kandidato, kia saĝeco por eviti la malfortajn lokojn, kia arto por enŝovi, nevidate de la ĉeestantaro, la respondon en la demandon, kia lerteco por subteni la ŝanceliĝanton, restarigi la falanton, elakvigi la dronanton! Mi konis kelke da tiaj artistoj kapablaj igi min respondi kontentige pri ĥinaj antikvaĵoj, aŭ pri lingvoj kun kojnoformaj literoj, kaj min konvinki, ke por tiaj lernadoj mi havas rimarkindan kapablon.

—Ĉe la komenco de la kunsidaro, **S.ro Optimo** estas malfeliĉa kiel la ŝtonoj—se la ŝtonoj estas malfeliĉaj; pri tio mi dubas—. En juĝejo li estus unu el tiuj juĝistoj, kiujn neniam rifuzas la advokato de la kulpulo. Ĉar ili senkulpigas ĉiam, kaj akcep-

tas la malplej verŝajnajn moderigajn cirkonstancojn. Li tremas elparolante sian demandon, atendas malkvietege la respondon, ĝojiĝas se ĝi estas akceptinda, kaj ekvidigas la plej profundan malesperon, se ĝi estas malbona. La kandidato, kiu havas «iom da okulo» legas tiujn korsentojn sur la vizaĝo de la bonulo, kaj facile trovas en la sulkoj de liaj brovoj aŭ de lia buŝo la «jes» aŭ la «ne» per kiuj estas respondeble. Vi ne konas la daton de la fondo de Romo?... bone! Li demandos vin pri la dato de la revolucio de la 1789ª jaro. Cion enhavatan de ia kandidato eltiras S.ro Optimo, kaj en li, trovas eĉ plie!

—S.ro **Ciferplato** en siaj demandadoj antaŭeniras laŭ regula kaj neforlasebla ordo. La reveno de kometo aŭ de lunmallumiĝo estas malpli certa ol la reveno de liaj demandoj. La sola kaprico, kiun li kelkafoje permesas al si, estas komenci per la lasta demando. Se la unua respondonto konas la unuan kaj la lastan demandon de lia demandaro, li estas certa pri sia sukceso; poste la dua respondonto devas nur relegi rapide la duan kaj la antaŭlastan demandojn; kaj, ĉar du punktoj sufiĉas por determini rektan linion, la ordo de la demandaro estas konata. Diru al mi vian horon, kaj mi diros al vi vian demandon; tiun tagon, ĉe tiu horo, S.ro Ciferplato estos tie. Kun la rondirantaj demandantoj nenia surprizo, nenia neatenditaĵo, nenia malfeliĉo estas eblaj!

Mi haltas por ne tro grandigi tiun profilaron. Al tiu, kiu riproĉus min pro la malmultnombreco de miaj bonvolaj ekzamenistoj, mi povus respondi per tiuj vortoj de la sceno de la portretoj en *Hernani:* «Mi preterpasis kelke da ili kaj eĉ el la plej bonaj!» Sed mi eble mensogus tiom, kiom la aktoro de tiu teatraĵo.

*Tradukis* D.ro A. MELIN.

Belgujo.

# SECCIÓN GRAMATICAL

**J. R.**—La *ŭ* tiene el mismo sonido que la *u*. No hay más diferencia, que la primera se considera consonante y la segunda es vocal. ¿Que esta dualidad de signos para un mismo sonido puede ser una dificultad ortográfica? No hay tal; la *ŭ* se pronuncia siempre unida á otra vocal, formando los diptongos *aŭ, eŭ;* la *u* no puede unirse á otra vocal y formará sílaba. No olvide usted la regla de que en Esperanto cada vocal determina una sílaba y que el acento carga sobre la penúltima; esta regla sirve de guía al que escucha ó escribe al dictado para saber en qué casos el sonido esperanto debe escribirse *ŭ* ó *u*. Si á mí me dictan *balau* (ba-lá-u), como cargan el acento en *lá*, yo sé que la *u* que sigue es vocal, pues de lo contrario, *lá* no sería la penúltima sílaba. Al oir *adiaŭ* (a-dí-aŭ) *dí* es la penúltima sílaba por ser la acentuada, y como luego sigue la *a*, que es vocal indudable, la *ŭ* que la acompaña es consonante. Esta misma aclaración le servirá para comprender por qué tenemos otros dos signos, *i, j*, para un mismo sonido. La *i* siempre es vocal, la *j* se une á otra vocal para su pronunciación y no forma por sí sola sílaba, por ejemplo, *kanajlo* (ka-náj-lo) y *balailo* (ba-la-í-lo).

*Sinjoro, kaj, infanojn*, debe usted pronunciarlos, *sin-yó-ro, kay, in-fá-noyn*.

Las letras tienen siempre el sonido que se les asigna en el alfabeto, regla invariable que exige el fonetismo del idioma. Por lo tanto, *kvar*, *kvin*, se pronuncian dando á cada letra el sonido correspondiente. Si le es á usted difícil, y como ejerci-

cio preventivo, repita usted muchas veces las voces *ekvar*, *ekvin*, y suprima luego el sonido de la *e* inicial.

Dé á la *r* un sonido medio, ni fuerte ni suave; pero si por estar en principio de dicción, ó por la vecindad de algunas consonantes tuviese usted necesidad de pronunciarla un poco fuerte, no hay inconveniente grave en ello, pues no existiendo en Esperanto nuestra *rr*, no puede haber confusión.

El Dr. Zamenhof en los primeros folletos publicados usó el pseudónimo Dr. Esperanto, de donde viene el nombre del idioma. *Esperanto* es el participio presente del verbo *esperi* con terminación de substantivo, y significa *el que espera*, *el que tiene esperanza.*

**A. G.**—No debe ser; en general no es de recomendar la sustitución del dativo por el acusativo; diga usted, pues, *mi skribis al vi hieraŭ.*

**M. N.**—Esas raíces son de las recomendadas por el Dr. Zamenhof y figuran en los diccionarios alemanes por él redactados. Al aceptarse la raíz *aspekt'*, la palabra *elrigardi* ha tomado el sentido verdadero que le dan sus componentes. Ejemplo: *li elrigardis de la fenestro*=él miraba (hacia afuera) desde la ventana.

**R. P.**—Para nosotros no admite discusión el *Fundamento*, y como esas voces figuran en la *Universala Vortaro*, no podemos introducir las variaciones que usted propone.—El diccionario de Esperanto en Esperanto está en preparación, pero ignoramos el nombre del autor; ya anunciaremos su aparición en estas columnas.

HISPANO.

# INVITACIÓN

La Sociedad Internacional de Juristas Esperantistas (I. S. E. J.), fundada en el Congreso de Ginebra con objeto de estrechar las relaciones profesionales entre los que cultivan el estudio de las leyes en los distintos países, celebró su primera Asamblea general en el tercer Congreso celebrado en Cambridge.

En esta Asamblea se tomaron importantísimos acuerdos, y entre ellos el de propagar la idea de unión de jurisconsultos, jurisperitos, notarios, procuradores, etc., de todas las naciones, á fin de que estrechando sus relaciones profesionales por medio del Esperanto, sea esta unión útil á ellos mismos y á sus clientes.

Delegado (como vicepresidente por España) por la Asamblea, para llevar á efecto en nuestra patria tales acuerdos, invito á todos los profesionales que crean conveniente y provechosa la formación de un núcleo de juristas españoles, que á su vez forme parte del núcleo mundial de *samprofesianoj*, á la formación de la Sociedad Española de Juristas esperantistas (H. S. E. J.).

Cumpliendo de este modo mi cometido, á los compañeros que quieran inscribirse ó á los que deseen alguna noticia más ó aclaración, tendrá mucho gusto en complacerles su compañero

ANDRÉS PIÑÓ, *abogado*,
*Museo*, 5, *Valencia.*

NOTAS. 1.ª La cuota anual para la Sociedad Internacional es un spesmilo.—2.ª Los socios recibiran gratuita y quincenalmente la revista *Esperanto*, órgano de la Sociedad.—3.ª Se les entregará, además, una lista con el nombre, apellido, profesión, domicilio, vecindad y nacionalidad de sus compañeros, con el fin de que pueda corresponder con ellos si es necesario.

# La ombro

(MIRRAKONTO DE ANDERSEN)

El «Dua libro de l' lingvo internacia.»

(*Daŭrigo.*)

«Mi pensas, ke mia ombro estas la sola viva estaĵo, kiun oni povas trovi tie kontraŭe!», diris la instruitulo. «Rigardu, kiel bele ĝi sidas tie inter la floroj, la pordo estas ne tute fermita, kaj nun la ombro devus esti tiel saĝa kaj eniri, kaj ĉion bone rigardi, kio estas interne, kaj poste, reveninte, rakonti al mi, kion ĝi tie vidis. Jes, jes, mia ombro, vi devus peni esti utila al mi!—diris li ŝerce. «Estu tiel bona kaj eniru! Nu, vi ne volas iri?» Kaj li balancis la kapon al la ombro, kaj la ombro rebalancis ĝian kapon.» Jes, jes, iru, sed baldaŭ revenu!» La alilandulosin levis, kaj lia ombro sur la kontraŭa balkono sin ankaŭ levis; la alilandulo sin turnis, kaj la ombro sin ankaŭ levis; la alilandulo sin turnis, kaj la ombro sin ankaŭ turnis; se iu bone rigardus, li povus klare vidi, ke la ombro eniris en la ne tute fermitan pordon de la balkono de l'kontraŭa domo rekte en tiu momento, en tiu la alilandulo eniris en sian ĉambron kaj mallevis post si la longan kurtenon.

Je l'postiranta mateno la instruitulo eliris, por trinki kafon kaj legi gazetojn. «Kio tio ĉi estas?» diris li, kiam li eliris en la lumon de l' suno, «mi ja ne havas ombron! Tiel ĝi hieraŭ je l'vespero efektive foriris kaj jam ne revenis; tio ĉi estas efektive ĉagrene!»

Ne tiel la perdo de l'ombro mem lin ĉagrenis, kiel tio, ke en la malvarmaj landoj estas rakontata unu ĉiukonata historio pri homo sen ombro. Se nun la instruitulo revenos en la patrujon kaj rakontos, kio okazis kun li, oni diros, ke tio ĉi estas nur ripetaĵo, kaj tio ĉi malplaĉis al li. Tial li decidis tute ne paroli pri tio, kaj tio ĉi estis tute prudente.

# La sombra

(CUENTO MARAVILLOSO DE ANDERSEN)

Del 2º libro de la lengua internacional.

(*Continuación.*)

«¡Yo creo que mi sombra es el único ser viviente que pueda encontrarse ahí enfrente!»—dijo el erudito.—Mirad qué lindamente está ahí sentada entre las flores, la puerta está entreabierta, y ahora la sombra debía ser tan lista y entrar y mirar bien todo lo que hay interiormente, y después, de vuelta, contarme todo lo que allí viese. Sí, sí, sombra mía, tú debieras hacer por serme útil.»—Dijo él bromeando. «Sé tan buena y entra. ¡Ah!, ¿que no quieres ir?» Y hacía movimientos de cabeza á la sombra, y la sombra balanceaba su cabeza. «Sí, sí, ve; pero vuelve pronto.» El extranjero se levantó, y su sombra, en el balcón de enfrente, también se levantó. Volvióse el extranjero, y la sombra también dió la vuelta. Si alguno hubiese mirado bien, hubiese podido ver con claridad que la sombra entró directamente en la entreabierta hoja del balcón de la casa de enfrente, en el momento en que el extranjero entraba en su cuarto y dejaba caer tras sí la larga cortina.

A la mañana siguiente el erudito salió para tomar café y leer los periódicos. «¿Qué esesto—dijo cuando salió al sol—¡realmente yo no tengo sombra! De modo que ayer tarde, en efecto, se marchó y no ha vuelto ya; ¡esto, en verdad, es cosa triste!

La pérdida de la sombra, en sí mismo, no le apesadumbraba tanto como el que en los países fríos se refiriese una historia conocida de todos, de un hombre sin sombra. Si ahora el sabio volvía á su patria y contaba lo que con él había sucedido, se diría que esto no era más que una repetición, y esto le desagradaba. Por eso decidió no hablar sobre esto una palabra, y esto, en absoluto, era lo prudente.

malpuran Cindrinjon, laŭ oni povus diri... Dio helpu min! Se estus vivantaj miaj tri edzoj... Nur kun la lasta, se li estus vivanta, ĉar li havis humoron de serpento...

D. Die. — Aŭskultu, sinjorino, mia pacienco preskaŭ finiĝis.

D.ª Ire.—Tiel ke tuj kiam oni kontraŭdiris lin, li ekkoleriĝis same kiel furiozulo el Infero, kaj ian tagon de Corpus Christi, mi ne memoras pro kia bagatelo, li tiel batfrapegis ian registaran oficiston kaj se du monaĥoj Karmenaj ne estus malhelpintaj, li estus mortiginta la malfeliĉulon premiginte lin kontraŭ stango kiu staras en la pordego de Sankta Kruco.

D. Die.—Sed, ĉu estas eble ke vi ne atentos kion mi volas diri?

D.ª Ire.—Ha! ne, sinjoro, ĉar mi bone scias tion kion vi volas diri, kaj mi neniel estas naivega, ne, sinjoro... Vi ne amas plu la knabinon kaj serĉas ruzojn por eviti la devon kiun vi kontraktis... Filineto de mia animo kaj de mia koro!

D. Die.—Sinjorino D.ª Irene, havu la bonecon aŭskulti min, ne respondante, ne dirante maloportunaĵoin, kaj poste, kiam vi scios tion kio okazas, ploru, ĝemu, ekkriu, diru ĉion kion vi volos... Sed atendante, ne pligrandigu mian suferadon, pro amo al Dio!

D.ª Ire.—Diru ĉion kion vi volas.

D. Die.—Sed vi ne rekomencu ploradi kaj...

D.ª Ire.—Ne, sinjoro; mi ne ploras plu. (*Ŝi viŝas siajn larmojn per naztuko.*)

D. Die.—Bone, do; de ĉirkaŭ unu jaro, iom pli iom malpli, D.ª Francinjo havas alian amanton. Ili ofte interparolis, skribis leterojn, promesis reciprokan amon, fidelecon, konstantecon... Kaj fine, ekzistas ĉe ambaŭ pasio tiel firma, ke malhelpaĵoj kaj foresteco, anstataŭ malfortigi, eĉ kunhelpis ĝin pligrandigi... Sub tiaj kondiĉoj...

D.ª Ire.—Sed ĉu vi ne komprenas, sinjoro, ke tio ĉio estas trompaĵo eltrovita de la skandalema lango kiu malamas min?

D. Die.—Ni ree komencas kiel antaŭe. Ne, sinjorino, tio ne estas trompaĵo. Mi ripetas de nove ke mi tion scias.

D.ª Ire.—Kiel vi povas tion scii, sinjoro, nek kian verŝajnon havas tio? Tiamaniere la filineto de mia koro, enŝlosigita en monaninejo, fastinte ĉian vendredon kaj cetere, akompanita de tiuj sanktaj virinoj! Ŝi, kiu eĉ ne scias kia estas la mondo, kiu ankoraŭ ne eliris el la ovŝelo, por tiel paroli! Kiel, videble, vi ne konas la karakteron de *Circuncision*... Kia virino por pardoni la plej malgrandan peketon!

D. Die.—Ni ne pritraktas nun peketon ian, sinjorino D.ª Irene; ni traktas pri honesta inklino, pri kiu ni ne havis antaŭan informon. Via filino estas knabino tre honesta, kaj ŝi ne estas kapabla fari malbonaĵon... Kion mi diras, tio estas ke patrino *Circuncision*, kaj *Soledad*, kaj *Candelaria*, kaj ĉiuj patrinoj, kaj vi, kaj mi precipe, ni ride-

ginde eraris. La knabino volas edziniĝu kun alia, kun mi ne... Ni alvenis malfrue; vi kalkulis tro rapide kun la konsenton de via filino... Sed, kial ni laciĝas? Legu tion ĉi paperon, kaj vi vidos ĉu mi estas prava. (*Li donas al ŝi la paperon de don Carlos. D.ª Irene ne legas ĝin, sed leviĝas tre agitata, direktas sin al la pordo de sia ĉambro kaj frapas. D. Diego leviĝas kaj probas vane malhelpi ŝin.*)

D.ª Ire.—Mi nepre freneziĝos!... Francinjo!... Virgulino de l' Tremedalo!... Rita!... Francisca!

D. Die.—Sed kial vi alvokas ilin?

D.ª Ire.—Jes, sinjoro; mi volas ke ŝi venu kaj sciu kia homo vi estas.

D. Die.—Ŝi ĉion difektis... Tio okazas al kiu konfidas al prudento de virino.

## SCENO XII

### D.ª Francisca, Rita, D.ª Irene, D. Diego.

Rita.—Sinjorino!

D.ª Fran.—Ĉu vi vokis min?

D.ª Ire.—Jes, filino, jes; ĉar D. Diego agas kun ni laŭ modo kiu ne estas plu tolerebla. Kiajn amojn vi havas, infano? Al kiu vi promesis edziĝon? Kia konspiraĵo estas ĉi tiu? Kaj vi, granda friponino... vi ankaŭ devas scii... vi nepre scias... Kiu skribis tiun ĉi leteron? Kion ĝi diras? (*Prezentante la leteron malfermitan al D.ª Francisca.*)

RITA.—(*Flanken, al D.ª Francisca.*) Lia ĝi estas.

D.ª FRAN.—Kia malbonecо!... Sinjoro D. Diego, ĉu tiamaniere vi plenumas vian promeson?

D. DIE.—Dio bone scias ke mi ne estas kulpa... Venu tien ĉi... (*Ekkaptante manon de D.ª Francisca li lokigas ŝin ĉe sia flanko.*) Nenion timu..., Kaj vi, sinjorino, aŭskultu kaj silentu, kaj ne devigu min fari sensencaĵon... Donu al mi tiun paperon... (*Forprenante la paperon el la manoj de donja Irene.*) Francinjo, vi ja memoras la tri manplatbatojn de l' pasinta nokto.

D.ª FRAN.—Dum mi vivos mi memoros.

D. DIE.—Bone, do, jen estas la papero kiun oni ĵetis tra la fenestro... Ne timu, mi jam diris... (*Li legas.*)

«Karulino: Se mi ne sukcesos paroli kun vi, mi »faros ĉion eblan por ke vi ricevu tiun ĉi leteron. »Tuj kiam mi disiĝis de vi, kaj renkontis en la »gastejo tiun kiun mi nomis mia malamiko, ekvi»dinte lin mi ne scias kial mi ne mortis pro doloro. »Li ordonis al mi ke mi tuj eliru el la urbo, kaj »estis necese obei lin. Mia nomo estas D. Carlos, »ne D. Felix. D. Diego estas mia onklo. Vivu ĉiam »feliĉa, kaj forgesu por eterne vian malfeliĉan »amikon, *Carlos de Urbina.*»

D.ª IRE.—Nu, ĉu tio estas?

D.ª FRAN.—Malfeliĉa mi!

D.ª IRE.—Nu, ĉu tio estas vera kion diris la sinjoro, grandega friponino? Certege vi memoros min. (*Si direktas sin al donja Francisca, kolerigite*

*kaj volas ŝin frapadi. Rita kaj don Diego penadas malhelpi ŝin.*)

D.ª FRAN.—Patrino!...

D.ª IRE.—Ne, sinjoro, mi mortigos ŝin.

D. DIE.—Kia frenezo estas tiu?

D.ª IRE.—Mi mortigos ŝin.

## SCENO XIII

**D. Carlos, D. Diego, D.ª Irene, D.ª Francisca, Rita.**

D. CAR.—Ne, ne. (*Eliras rapidege don Carlos el ĉambro, ekkaptas brakon de donja Francisca, kondukas ŝin al la fundo de l' teatro, kaj staras antaŭ ŝi por defendi ŝin. Donja Irene teruriĝas kaj deiras.*) Antaŭ mi neniu ofendos ŝin!

D.ª FRAN.—Carlos!

D. CAR.—(*Alproksimiĝante al don Diego.*) Senkulpigu mian trokuraĝon... Mi vidis ke oni insultis ŝin, kaj mi ne povis subpremi min.

D.ª IRE.—Kio estas tio kio okazas, Dio mia?... Kiu estas vi?... Kiaj agoj estas tiuj ĉi?... Kia skandalo!

D. DIE.—Tie ĉi ne estas skandaloj... Li estas tiu kun kiu estas enamiĝinta via filino... Ilin disigi kaj ilin mortigi estas tute same... Carlos... negrave... Prenu vian edzinon. (*D. Carlos iras kien estas donja Francisca, kaj ambaŭ genufleksas ĉe la piedoj de D. Diego.*)

D.ª Ire.—Ha, ĉu via nevo?

D. Die.—Jes, sinjorino, mia nevo kiu per siaj manplaŭdoj, kaj sia muziko, kaj sia papero pretigis por mi la nokton plej teruran kiun mi pasigis dum mia tuta vivo... Kio estas, gefiloj miaj, kio estas?

D.ª Fran.—Ĉu vi, do, pardonas nin kaj igas nin feliĉaj?

D. Die.—Jes, gekaruloj de mia koro... Jes. (*Li devigas ilin leviĝi kun karesaj esprimoj.*)

D.ª Ire.—Cu estas eble ke vi decidu fari oferon?...

D. Die.—Mi estus povinta ilin disigi por ĉiam kaj ĝuadi trankvile posedon de tiu ĉi ĝentila infano, sed mia konscienco malpermesas... Carlos!... Francinjo!... Kia doloriga sento lasas ĉe mia spirito la peno kiun mi ĵus faris! Ĉar, fine, mi estas homo mizera kaj malforta.

D. Car. (*kisante liajn manojn*).—Se mia amo, se mia dankemeco sufiĉos konsoli vin pro tia perdo...

D.ª Ire.—Tial ke ĉi tiu estas D. Carlos! Nu, nu, mi...

D. Die.—Li kaj via filino freneziĝis pro amo, ĉar vi kaj la onklinoj konstruadis kastelojn en la aero, kaj plenigadis mian cerbon je iluzioj kiuj malaperis kiel sonĝoj... Tiel rezultas trouzo de r[illegible]o, de subpremado de juneco, tiaj estas la certigoj kiujn donas gepatroj kaj zorgantoj, kaj tia la konfido kiun oni povas havi je la jeso de knabinoj... Per ŝanco mi ekkonis la eraron en kiu mi

troviĝis... Ho, ve al tiuj kiuj ĝin ekkonas tro malfrue!

D.ª IRE.—Resume, Dio igu ilin bonaj, kaj ili ĝojadu multajn jarojn... Venu tien ĉi, sinjoro, venu; mi volas ĉirkaŭpreni vin... (*D. Carlos kaj donja Irene ĉirkaŭprenas sin, donja Francisca genufleksas kaj kisas ŝian manon.*) Filino, Francinjo, vere vi faris bonan elekton... Li estas sendube bela viro... Iomete brunulo, sed li havas okulrigardon tre sorĉigan.

RITA.—Ja, diru tion, ĉar la knabineto nenie suspektis ĝin... Fraŭlino, milionon da kisoj. (*Donja Francisca kaj Rita kisas sin reciproke, elmontrante grandan kontenton.*)

D.ª FRAN.—Ĉu vi vidas kiom da ĝojo?... Kaj vi, ĉar vi amas min multe... ĉiam, ĉiam vi estos mia amikino.

D. DIE.—Bela Francinjo (*li ĉirkaŭprenas donja Francisca*), akceptu la unuajn ĉirkaŭprenojn de via nova patro... Mi ne timas plu la izolecon kiu minacis mian maljunan aĝon... Vi (*ekkaptante la manojn de donja Francisca kaj D. Carlos*), estos la ĉarmo de mia koro; kaj la unua frukto de via amo, jes, gefiloj miaj, tiu mem... nepre, tiu estos mia. Kaj kiam mi karesos lin ĉe miaj brakoj, mi povos ekdiri: Al mi devas la vivon tiu ĉi nepeka infaneto; se liaj gepatroj vivas, se ili estas feliĉaj, mi estas la kaŭzo.

D. CAR.—Benita estu tiom da boneco!

D. DIE.—Gefiloj, benita estu tiu de Dio.

FINO

Je l'vespero li ree eliris sur sian balkonon, la lumon li tute bone metis post si, ĉar li sciis, ke la ombro ĉiam volas, ke ĝia sinjoro estu por ĝi barilo—sed li tamen ne povis ĝin elricevi. Li faris sin granda, li faris sin malgranda, sed nenia ombro venis, nenia ombro sin montris. Li diris: «Hm, hm!» sed nenio helpis.

Gi estis kompreneble ĉagrene, sed en la varmaj landoj dank'al Dio ĉio kreskas rapide, kaj post unu semajno li ekridis kun granda plezuro, ke el la piedoj kreskas ĉe li nova ombro, kiam li iras en la lumon; la radiko certe restis.

Post trisemajnoj li jam havis ne tro malgrandan ombron, kaj kiam li ekreventuris en la patrujon en la malvarmaj landoj, ĝi en la vojo ĉiam pli kaj pli kreskis, tiel ke ĝi fine fariĝis tiel longa kaj granda, ke jam la duono estus sufiĉa.

Tiel la instruitulo revenis en sian landon, sbribis librojn pri la veraĵo en la mondo, pri la bonaĵo kaj belaĵo; kaj tiel li pasigis tagojn kaj jarojn; pasis multaj jaroj.

Je unu vespero li sidas en sia ĉambro, kaj jen subite oni frapas tre mallaŭte sur la pordo.

«Eniru! » diris li, sed neniu venas; tial li malfermis mem, kaj jen antaŭ li staras neordinare maldika homo, kun tre mira eksteraĵo. Cetere la homo estis tre riĉe vestita, li estis videble grava persono.

«Kun kiu mi havas la honoron paroli?» demandis la instruitulo.

L. L. Zamenhof.

(*Daŭrigota.*)

Por la noche, de nuevo salió al balcón, colocó muy bien tras sí la luz, pues él sabía que la sombra siempre quiere que su señor sea para ella una pantalla; sin embargo, no pudo obtenerla. Él se hizo mayor, se hizo pequeño, mas no acudió ninguna sombra, no se manifestó sombra alguna. Dijo: «¡Hm!, ¡hm!», pero de nada sirvió.

Es de comprender que aquello era triste; pero en los países cálidos, gracias á Dios, todo crece aprisa, y pasada una semana vió con gran contento que de los pies crecía en él una nueva sombra, cuando iba por la luz; había quedado, sin duda, la raíz.

Tres semanas después ya tenía bastante sombra, y cuando se puso en camino para la patria, en los países fríos, ella por el camino crecía más y más, de tal modo que, por fin, se hizo tan larga y tan grande, que con la mitad había bastante.

De este modo el sabio volvió á su país, escribió libros sobre la verdad en el mundo, sobre la bondad y la belleza, y así transcurrían los días y los años; pasaron muchos años.

Una noche estaba sentado en su habitación, y he aquí que de repente llaman con mucha suavidad á la puerta.

«¡Adelante!»—dijo él; pero nadie llega, por eso abre él mismo, y preséntase á su vista un hombre extraordinariamente delgado, de muy admirable aspecto. Por lo demás, el hombre iba ricamente vestido; por lo visto era persona importante.

«¿Con quién tengo el honor de hablar?»—pregunta el sabio.

L. L. Zamenhof.

(*Se continuará.*)

★ ★ ★

# Noticias del extranjero

**Inglaterra.**—El sultán de Zanzíbar, en su visita á Londres el 16 de Noviembre, habló extensamente con el coronel Pollen sobre el uso del Esperanto en el Africa oriental; el sultán intenta introducir el idioma auxiliar en su país, donde se hablan muy mal muchas lenguas. Su secretario particular llegó de Bombay con el objeto de aprender nuestro idioma.—Gracias á la obra de M. Clarke, también se ha interesado por nuestra causa el duque de Connaught.—Las «Semanas Esperantistas» del profesor Christen han tenido en Bedford un gran éxito: la primera lección es gratuita, y en las cinco siguientes se paga una pequeña cantidad, necesaria para los imprescindibles gastos. En esas seis lecciones, el profesor Christen explica las 16 reglas y da elementos suficientes para que los alumnos terminen fácilmente el estudio completo del Esperanto.—El 28 de Noviembre, el famoso tenor danés Paul Schmedes dió un concierto en «Arolian Hall», de Londres, y cantó tres romanzas en Esperanto, entre ellas «La Kapelo»; según su opinión, nuestra lengua es muy agradable para el canto.

**Francia.**—Constantemente llegan á nosotros noticias sobre la fundación de nuevos grupos, apertura de cursos y conferencias de propaganda; no desmayan nuestros vecinos y procuran con sus incesantes trabajos conservar el puesto de honor en el movimiento esperantista —«L'Amicale Esperantiste de Paris» ha empezado con éxito y concurrencia desusada sus bailes y fiestas artísticas.—Los periódicos y revistas siguen publicando artículos y alusiones sobre el Esperanto, favorables en su mayor parte, siendo de notar, en primer término, los que publica el «Intransigeant», de Paris, «L'Echo Républicain de l'Aisne» de Chateau-Thierry, «Le Courrier Republicain» de Donai, «Le Littoral Philippevillois» de Philippeville.—Mención aparte reclama el éxito alcanzado al conseguir la introducción del Esperanto en los cursos de la escuela oficial «Montesquieu» en Lille», gracias á los constantes trabajos del inspector Minet, del Sr. Durieux y de todos los maestros de la población; basta decir que por esta decisión, más de 1.100 niños aprenden oficialmente el idioma de Zamenhof.

**Alemania.**—En todos los grupos aumenta sin cesar el número de socios, y por por lecturas, traducciones y conversaciones se ejercitan en el empleo corriente del idioma. Por ser Dresden, ciudad del próximo Congreso, donde hoy tienen fija su atención los esperantistas, diremos algo sobre su grupo. Su fundación es muy reciente: el 1.° de Noviembre 1906. Antes de esa fecha, el Esperanto era totalmente desconocido en la capital de Sajonia, cuya población se calcula en 500.000 habitantes. Sólo seis desgraciadas personas, de edad y posición muy distintas, trabajaron en vano, durante los años anteriores, para conseguir algún éxito. Se reunían en una pequeña habitación de un restaurant vegetariano, trabajaban, reflexionaban, hacían propaganda, pero todo en vano; siempre eran seis. Por fin hicieron lo que no debe hacer ningún esperantista. Una noche enterraron el Esperanto: dibujaron unas tumbas en sus cuadernos de temas y pusieron el siguiente epitafio: «¡Ningún éxito! Descanse en paz. 14 de Noviembre 1905.» Pero el Esperanto no murió á pesar del entierro. En el otoño de 1906, el bibliotecario regio Dr. Schramm dió algunas conferencias sobre nuestro idioma en varios centros de Dresden: era un nuevo adepto y recomendó con entusiasmo la lengua auxiliar á los comerciantes, á los estenógrafos, á los maestros. Pronto se fundó un grupo bajo su presidencia, que tiene hoy 80 miembros y unos cien alumnos. Treinta maestros han prometido su concurso y el jefe de policía de Dresden ha enviado 25 policías para que aprendan el idioma antes

del Congreso.—Como consecuencia del 2.° Congreso Esperantista alemán celebrado en el pasado Mayo en Dresden, el estado sajón ha fundado una Biblioteca Esperanta, pues el Grupo de Dresden le regaló todas las obras que los esperantistas de todo el mundo enviaron para la exposición del Congreso. Más de 100 volúmenes figuran ya en la regia biblioteca, para la que se aceptan donaciones de cuantas obras se editen.

**Dinamarca.**—En Kopenhague asisten á los cursos 400 alumnos. Cuando terminen los cursos, la redacción de «Politiken» organizará una excursión esperantista para 50 discípulos que visitarán á los correligionarios franceses y alemanes.—El Sr. Borberg ha introducido el estudio del idioma en una de las mayores escuelas de Kopenhague; por otra parte da lecciones de Esperanto á 300 telefonistas.

**Japón.**—Existen ahora en el Japón cuatro sociedades esperantistas: en Jokosko, en Tokío, en Yokohama y en Kioto. Pronto se fundarán otras en Osaka, Nara, Okajoma, etc. La Asociación Japonesa tiene hoy 781 socios, de los cuales sólo 11 son extranjeros.

---

Ni kore salutas la du novaj esperantaj gazetoj «L'Etoile Espérantiste» kaj «Amsterdama Pioniro».

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Ĝis nun ni ricevis la jenajn sciigojn pri la novaj direktantaj komitatoj por 1908ª de kelkaj hispanaj grupoj:

## DE ESPAÑA

Hasta ahora hemos recibido las siguientes noticias sobre las nuevas juntas directivas para 1908, de algunos Grupos españoles:

*Valencia.*—Presidente honorario: D. Román Ayza.—Presidente: D. Vicente Inglada.—Vicepresidente: D. José Aguilar Blanch.—Secretario: D. Rafael Duyos.—Vicesecretario: D. Benito Virgilio Anguiano.—Tesorero: D. Andrés Piñó.—Contador: D. Narciso Escuín.—Bibliotecario: D. Angel Novejarque.—Vocales: D. Augusto Jiménez Loira, D. Vicente Marzal, D. Ricardo Picazo, D. Daniel Martínez, D. Juan Romeroy D. Vicente Mateu.

*Enguera.*—Presidente: D. Fernando Soler Valls.—Vicepresidente: D. Próspero Ibáñez González.—Secretario: D. Manuel Jordá García.—Vicesecretario: D. José Real Cros.—Tesorero: D. Juan J. Llorca Viguer.—Vocales: D. Santiago Aparicio López y D. Joaquín Sánchiz Rico.

*Simat de Valldigna.*—Presidente: D. Julio Morató Gil.—Vicepresidente: D. Juan Mansanet Serrano.—Secretario: D. José Ripoll Mansanet.—Vicesecretario: D. Ernesto Serrano Mansanet.—Bibliotecario: D. Francisco Mansanet Serrano.—Depositario: D. Salvador Jorge Ferrer.—Vocales: D. Tomás Mansanet Ripoll y D. Rafael Almiñana Ferrando.

*Benicarló.*—Presidente: D. José María Febrer.—Vicepresidente: D. Román Bonet.—Secretario: D. José Sorlí.—Vicesecretario, D. Agustín Forés.—Cajero: D. Manuel Febrer.—Vocales: D. Juan Cuartiella y D. Emilio Fresquet.

*Arbós del Panadés.*—Presidentes honorarios: Dr. L. L. Zamenhof y D. José Esteller Lluch.—Presidente: D. Agustín Escarrá.—Secretario: D. Antonio Romagosa.—Cajero; D. Luis Romagosa.

*Castellar del Vallés.*—Presidentes honorarios: Dr. L. L. Zamenhof y P. Jaime Muxi.—Presidente: P. Juan Abarcat.—Depositario: D. Juan Romeu.—Vocales: don Juan Sampera y D. Vicente Comas.—Secretario: D. Ramón Galcerán.

*Palma de Mallorca.*—Presidente: Dr. José Arís.—Secretario: D. Bartolomé Font.

*San Sebastián.*—Presidente: D. Julio Garrido.—Vicepresidente: D. Miguel Pérez Alcorta.—Vicepresidenta honoraria: Srta. Inés Erviti.—Secretario-bibliotecario: don Clemente Ufano.—Cajero: D. Alberto Velasco.—Vocales: Srtas. Zoila y Carmen Zalacain, D. Angel Digón, D. Angel Garrido y D. Mariano Plana.

En Igualada kaj proksimaj vilaĝoj reĝas granda entuziasmo por nia afero kaj baldaŭ fondiĝos kelkaj grupoj. Niaj Igualadaj amikoj intencas publikigi literaturan sciencan revuon titolitan «Stelo Kataluna», al kiu ni deziras plej bonan sukceson. Ĝia abonkosto estos du pesetoj ĉiujare.

En la «Revista Franciscana» publikigata en Vich aperis bonan artikolon pri Esperanto de nia respektinda samideano P. Buenaventura Sancho, al kiu ni estas tre dankaj, ĉar tiu grava revuo estas legata de miloj da abonantoj.

Oni malfermis kurson de Esperanto en Montblanch kaj, tre kredeble, baldaŭ fondiĝos grupo.

«La Voz de Guipuzcoa» de San Sebastián, publikigis ankaŭ artikolojn pri nia lingvo, unu el ili, tre bele verkita, de nia kara amiko S.ro Julio Garrido; per ĝi li petas helpon al la tuta urbo por ke la 5.a Kongreso de Esperanto okazu en tiu belega somerrestadejo.

En Igualada y pueblos próximos reina gran entusiasmo por nuestra causa y pronto se fundarán algunos grupos. Nuestros amigos de Igualada pretenden publicar una revista científico-literaria titulada «Stelo Kataluna», á la que deseamos buen éxito. El coste de la suscripción será dos pesetas anuales.

En la «Revista Franciscana» que se publica en Vich, apareció un buen artículo sobre Esperanto de nuestro respetable amigo P. Buenaventura Sancho, al que estamos agradecidísimos, puesto que esa importante revista es leída por miles de suscriptores.

En Montblanch se ha abierto un curso de Esperanto y, probablemente, pronto se fundará un grupo.

«La Voz de Guipúzcoa», de San Sebastián, publicó también algunos artículos sobre nuestra lengua, uno de ellos muy bien escrito, de nuestro querido amigo D. Julio Garrido; en él solicita el auxilio de toda la ciudad para que el 5.º Congreso de Esperanto se celebre en tan hermoso punto de veraneo.

---

AVISO. En las nuevas cubiertas de La Suno Hispana se han deslizado algunas pequeñas erratas y se han cometido involuntariamente algunos olvidos; débese esto á la premura con que se confeccionaron y á la falta de datos. Como de ellas se ha hecho tirada aparte y numerosa hacemos esta aclaración, y cuando llegue la hora pediremos los necesarios datos á todos los Grupos españoles para evitar olvidos que somos los primeros en lamentar.

* * *

# Bibliografio

*Naŭlingva Etimologia Leksikono de la lingvo Esperanto,* de Louis Bastien.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacepede, Paris.—Prezo: 3 frankoj.

Por komprenigi al niaj legantoj la gravecon de tiu verko, estas sufiĉe diri, ke ĝi enhavas ĉiujn radikojn de la Universala Vortaro kaj iliajn tradukojn en la lingvoj latina, franca, itala, hispana, portugala, germana, angla kaj rusa. Ĝia celo estas montri la konstitucion kaj internaciecon de la esperanta vortaro; plifaciligi la memoriĝon pri la radikoj al tiuj sciantaj ĉu la latinan aŭ ian nacian lingvon; kaj liveri al la esperantaj instruistoj rimedon por kvietigi la scivolecon de siaj lernantoj.

*Solvo de la problemo de lingvo internacia.*—Teksto esperanta kaj traduko germana de profesoro Christaller de la tiel konata artikolo de *Unuel.*—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95. Berlin. Prezo: 0'75 mk.

Antaŭ kelkaj tagoj ni anoncis la aperon de tiu artikolo kun franca traduko kaj tiam ni longe parolis pri la graveco de tiaj broŝuroj enhavantaj la originalan tekston kaj ĝian tradukon en ian nacian lingvon. Nun la germanoj havas bonan propagandilon kaj defendilon kaj—ni esperas—ili eltiros bonan profiton.

*Taschenworterbuch Deutsch-Esperanto und Esperanto Deutsch,* redigiert von Dr. L. L. Zamenhof.—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Prezo: 1 marko.

Ĝi enhavas ĉiujn radikojn de la Universala Vortaro kaj estas eldonita en formo bela kaj oportuna.

*Ĉefeĉaj Ŝlosiloj* jam aperis en portugala, hungara, dana kaj rusa lingvoj. Ankaŭ sub la titolo *La Unirversala Ŝlosilaro* la firmo Internacia Esperantista Propagandejo (Merton Abbey, London) eldonis bele binditan kolekton de ŝlosiloj ĉefeĉaj; prezo: 1'50 frankoj.

*Guide Esperanto de la Croix-Rouge,* eltiraĵo de la broŝuro *Esperanto et Croix-Rouge* de leŭtenanto Bayol. Prezo, 5 centimoj.

*Paŝa,* rakonto el rusa vivo originale verkita de E. Radvan Ripinski.—Strato Kanonerskaja 5, log. 43, St. Petersburgo.—Prezo nemontrita.

Malgranda broŝureto enhavanta bele verkitan rakonton de la konata esperantisto Radvan Ripinski kaj traduko de S.ro Kristo G. Trikjakin de bela versaĵo de Moskov.

*Pri la elparolado de vokaloj en Esperanto,* de E. Ĝefeĉ.—Prezo, 40 centimoj.

*Pri la elparolado de Esperanto,* de Gaston Moch.—Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris. Prezo, 1 franko.

Kiel montras iliaj titoloj tiuj du verkoj celas klarigi al la esperantistoj la veran kaj ĝustan elparoladon de nia lingvo. Ili estas, do, rekomendindaj, kvankam por hispanoj ne estas tiel gravaj, kiel por iaj fremduloj, kiuj elparolas diversnuance la kvin vokaloj de la esperanta alfabeto.

*Die Weltsprachen-Benegung vor dem Forum sachverstandiger Kritik.* (La movado de tutmondaj lingvoj antaŭ la forumo de kompetenta kritiko) de D.ro W. Bor-

gius.—Esperanta Eldonejo Hans Th. Hoffman, Steglitzerstrasse 44, Berlin. Prezo, 80 pfenigoj.

Por tiu ĉi broŝuro germane verkita, la aŭtoro celas refuti la argumentojn de niaj kontraŭuloj Karl Brugmann kaj August Leskien. Ĝi estas bonega batalilo por niaj germanaj amikoj.

*Die internationale Hilfssprache und das Esperanto*, von Wilhelm Ostwald.—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.—Prezo, 20 pfenigoj.

Utila broŝuro enhavanta paroladon pri nia lingvo.

*La Problemo de l'Malarmo*, de Alfred H. Fried, tradukis kapitano Alesiano.—Prezo, 0,50 frankoj.

*Por la Haga Konferenco*, enketo farita de la Internacia Instituto de Paco, el angla, franca kaj germana lingvoj tradukis R. Laisney kaj G. Moch.—Prezo, 1 franko.

*Jarlibro de «Pacifisto»* (Due jaro—31.an de Aŭgusto 1907).—Prezo, 0'50 fr.

Tiu ĉi verkoj eldonataj de la societo «Pacifisto» estas la numeroj 11, 14 kaj 4 (B) de la Libraro Pacifisma.

*Hebrea Kalendaro,* kiun uzadis la Izraelidoj dum la jarcento de Jesu-Kristo, originale verkis en Esperanto Pastro Jakobo Bianchini.—Aĉetebla ĉe S.ro Em. Peltier, Sainte Radegonde, Tours (I. et L.) Francujo.—Prezo, 0'20 frankoj.

*Doce lecciones del idioma internacional auxiliar Esperanto,* publikigita de la Grupo Esperantista de Montevideo.—Prezo, 20 oraj centimoj.

Lernolibreto tre taŭga por komencantoj kaj por disvastigi nian lingvon en la hispane parolantaj amerikaj respublikoj.

*Simpla metodo de la agronomia profitkalkulado* de A. Nippa.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.

Per tiu ĉi broŝuro, el la kolekto de «Internacia Scienca Revuo», S.ro Nippa klarigas sian elpensitan agronomian librotenadon kaj multe da praktikaj ekzemploj permesas ĝian uzadon al ĉiuj agronomiistoj eĉ al tute nesciantaj nuntempajn teoriojn de tiu branĉo de la almetita matematiko.

*Boks kaj Koks* (Box and Cox), komedio en unu akto de John Maddison Morton, tradukita el la angla lingvo de Charles Stewart.—British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, London.—Prezo, 70 centimoj afrankite.

Tiu ĉi bela kaj sprita komedio ludita dum la 3.a Kongreso estas pro la malmultenombro de la personoj tre taŭga por la scenejoj de la esperantistaj grupoj; ĝi estas rekomendata al niaj teatramantoj.

*Antipatriotismo*, de G. Hervé, tradukita de Fi-Blan-Go kaj Ludoviko—Internacia Asocio «Paco- Libereco». 45, rue de Saintonge, Paris.—Prezo, 15 centimoj.

*Hungara Poemaro*, esperantigis D.ro R. Fiedler, A. de Marich kaj profesoro Rudolfo Rajezy.—Redakcio de Universala Esperanta Biblioteko, Ulloi-ut, 59, Budapest IX.—Prezo, 30 heleroj.

Ĝi estas la kvara volumeto de la Biblioteko redaktata de S.ro A. Marich.

*Morala edukado de la popola infano* (gardejoj, someraj kolonioj) parolado de

S.ino Baronino de Ménil.—Esperantista Centra Oficejo, rue de Clichy, 51, Paris.—Prezo, 1 franko.

Tiu parolado pri temo tiel interesa kaj homama estas aŭskultita kun aplaŭdo en la «Esperantistaj Mondumaj Kunvenoj» organizitaj ĉe la Centra Oficejo, kaj en la 3.a Kongreso de Esperanto.

Hemos recibido los cuadernos núms. 27, 28, 29 y 30 de la *Enciclopedia Universal Ilustrada* que publica la casa Espasa (Córtes, 579, Barcelona), y cada día es más recomendable tan hermosa obra, que tiene para los esperantistas gran interés por insertar la versión en Esperanto de la mayoría de las voces.

*Esperantista Poŝtkalendaro 1908.*—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin.—Prezo, 0'40 spesmiloj.

Tiu ĉi poŝkalendaro vere praktika por ĉiuj esperantistoj estas zorge eldonita de la konata firmo Moller kaj Borel. Ĝi konsistas el du partoj; en la unua estas la dataro, laŭ nova kaj malnova stilo; en la dua oni trovas la plej necesajn sciigojn por esperantistoj. Ni rikomendas ĝin al niaj legantoj.

*Konversacia Kalendaro por superjaro 1908*, redaktita de Karl Steier, eldonejo Hans Hoffman, Steglitzenstrasse 44, Berlin, W. 35.

En tiu ĉi kalendaro, la konversacia parto estas tiamaniere aranĝita, ke ĝi utilos al ĉiuj samideanoj, kiuj vizitonte la Dresdenan Kongreson Esperantistan deziras ellerni aŭ rememorigi al si la plej uzatajn frazojn de la germana lingvo. La prezo estas 15 spesdekoj aŭ 1 ŝ. 2 p. afrankite.

Plej feliĉan sukceson ni deziras al niaj novaj kolegoj *L'Etoile Esperantiste* (3, rue Sophie Germain, Paris; jarabono 2 frankoj) kaj *Amsterdama Pioniro* (Singel, 386, Amsterdam, Holanda; jarabono 1'50 fr.)

## NIAJ FRATAJ VIZITANTOJ

*Afrika Esperantisto*, 4, rue du Marche, Alĝer, senpage.
*Amerika Esperantisto*, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. Ŝ. A. fr. 5'25.
*Antauen Esperantistoj!!!* Apartado 927, Lima, Perú, fr. 3.
*Brazila Revuo Esperantista*, rua da Assemblea, 46, Rio de Janeiro, Brazilujo, fr. 6.
*Bulgara Esperantisto*, Administracio de la Bulgara Esperantisto en Sofio Bulgaria, . 1'5c.
*Centramerika Esperantisto*, Quezaltenango, Guatemala, fr. 3.
*Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu*, Praha II-313 Karlovo Námésti, Bohemujo, Austrujo, fr. 3'
*Eĥo Esperantista*, aldono de l'Echo, Wilhelmstrasse 29, Berlino, Germanujo, senpage.
*Eksport-Ĵurnalo* Union» Esperanto-Verlags-Gesellschaft, Frankfurt a M. Germanujo.
*Esperantisten*, 37, Surbrunnsgatan, Stockolm, Svedujo, fr. 3'50.
*Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo, fr. 3.
*Espero Katolika*, Mr. Peltier, Sainte-Radegonde (Indre, Loira), Francujo, fr. 5.
*Espero Pacifista*, 26, rue de Chartres, Neuilli-sur-Seine, Francujo, fr. 5.
*Finna Esperantisto*, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando, fmk. 3.
*Foto-Revuo Internacia*, 118-bis, rue d'Assas, Parizo, Francujo, fr. 5.
*Germana Esperantisto*, 95, Prinzenstrasse, Berlino, Germanujo, ms. 3.
*Helpa Lingvo*, F-ino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago, Danujo, kr. 1'2c.
*Idealo*, Corso Calatafimi, 495, Palermo, Italujo, fr. 3.
*Internacia Socia Revuo*, 45, rue de Saintonge, Paris IIIe Francujo, fr. 6.

*Japana Esperantisto*, 3ĉome, Jurakĉo, Kojimaciku, Tokio, Japanujo, fr. 3.
*Juna Esperantisto*, 33 rue Lacépéde, Paris 5.ª, Francujo, fr. 2'50.
*La Esperanta Instruisto*, 85, Fleet-St., London, E. C., fr. 2'50.
*La Belga Sonorilo*, 53, Ten Bosch, Bruxelles, Belgujo, fr. 6.
*La Verda Standardo*, Mr Marich. Agoston, Üllöi-Ut 59, Budapest, IX, Hungria, Austrujo; k. 4.
*La Saksa Esperantisto*, S-ro Fritz Stephan, en Leipzig (Germanujo), fr. 1.
*La Pioniro*, Champion-Reef, Mysore State, South India, Angla, fr. 5.
*Lingvo Internacia*, 33, rue Lacépéde, Paris, V-e, Francujo, fr. 7,50.
*La Revuo*, 70, Bd St Germain Parizo, Francujo, fr. 7.
*L'Espérantiste*, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, Francujo, fr. 4.
*Lumo*, bulgara-esperanto, S-ro Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo, Bulgarujo, fr. 2.
*Pola Esperantisto*, 26, Akademicka, Leopolo, Austrujo, fr. 2'50.
*Ruslanda Esperantisto*, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St. Petersbourg, Rusujo, fr. 7'50.
*Svisa Espero*, 6, rue du Vieux Collége, Genéve, Svisujo, fr. 2'50.
*Tra la Mondo* (multilustrita), 15 boulevard des Deux Gares, Meudon S. O., Francujo, fr. 8.
*The American Esperanto Journal*, boulevard Station, Boston, Mass., U. Ŝ. A., fr. 5.
*The British Esperantist*, 13, Arundel street, London W. C., Anglujo, fr. 4.
*Verda Stelo*, 3.ª del Relox, 12, México (Distrito Federal), 1 peso.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

---

# ANONCOJ

# VERKOJ

EL

# ESPERANTISTO NUMERO 10.072

**Verba amuzajo** 2ª eldono — Pesetoj

Plena verba konjugacio per paroladeto.

Completa conjugación de un verbo en un discursito ...... 0'10

**Cent dek tri Humorajoj.** .............. 0'40

Provo de esperanta nomigado de

**Personaj nomoj**.. ............. 0'75

Oni vidu sur la aliaj *tri paĝoj de tiu ĉi presaĵo,* specimenojn el nomitaj verkoj.

Oni *ilin* petu *al*

Véanse en las otras *tres páginas de este impreso,* muestras de las citadas obras.

Pídanse *á*

**Augusto Jiménez Loira,**

~~*Grupo Esperantista, Paz, 20*~~, Palerma

VALENCIA (ESPAÑA).

sendante al li la koston de la mendo per poŝtmarkoj el kiu ajn lando.

enviándole el importe del pedido en sellos de correos de cualquier país.

**amot 'in 'o**
mia.
Ŝi diras al ĉiuj, ke ŝi sin vidas
**amata,**
**amita**
kaj
**amota**
kaj ke ŝi estas tre kontenta
**amate,**
**amite**
kaj
**amote.**
Tiel, mi antaŭ ne longe pripensis, kiam amiko diris al mi:
**Mi** ne **amas,**
ĉar
**mi amis,**

kaj mi pentas pri tio. Mi havis grandajn malĝojojn, kaj tial
**mi** ne **amos**
plu.
Se denove
**mi amus,**
**mi amus,**
sed mi rericevus bedaŭrojn.
**Ke mi amu**
ian ajn alian virinon, es-

**amada (que será)**
mía.
Ella dice á todos, que se vé
**amada (que es),**
**amada (que fué)**
y
**amada (que será)**
y que está contentísima
**siendo amada,**
**habiendo sido amada**
y
**habiendo de ser amada.**
Así reflexionaba yo, no hace mucho, cuando un amigo me dijo:
**Yo** no **amo,**
porque
**yo amé (amaba ó he amado),**
y me arrepiento de ello. Yo tuve grandes disgustos, y por eso
**yo** no **amaré**
más.
Si de nuevo
**yo amara (amase),**
**yo amaría**
pero volvería á tener pesadumbres.
**Que yo ame**
á cualquier otra mujer

## XXXIX

Ĉu eble vi reedziĝos?
—Jes, sed mi edziĝos kun bofratino.
Ĉiam estas edziĝo.
—Jes, sed mi gajnos, ne gajni alian bopatrinon.

## XL

Urbestro diras al siaj administratoj:
«Ĝis nun, karegaj, ni estis devigataj sendi niajn frenezulojn al nia ĉefurbo. Mi esperas el via ŝparemo, la tiean starigon de frenezulejo, nur por ni.»

## XLI

*Peto:* Kara amiko: Sendu al mi, mi petas, pian libron titolitan «Timo de Dio».
*Respondo:* Karega. Mi trairis la tutan urbon kaj mi ne trovis librovendiston, kiu havas «Timo de Dio».

## XLII

Kial vi ne loĝas en Madrido?
—Tial ke tie, la vivo estas karega. Mi nun tion farus, se mi, bedaŭre, havus la feliĉecon vidviĝi.

## XLIII

Fraŭlino! Vi povas laŭdi vin, ke vi faris el mi aŭtomatulon.
—Ne, sinjoro, tio estis afero de viaj gepatroj.

Rosius=Rosj'o—ino.
Rosula=Rosul'ino—o.
Rosvida=Rosvid'ino—o.
Rubiernus=Rubiern'o—ino.
Rudericus=Ruderik'o—ino.
Rufillus=Rufil'o—ino.
Rufinianus=Rufinian'o—ino.
Rufinus=Rufen'o—ino.
Rufus=Ruf'o—ino.
Rumoldus=Rumold'o—ino.
Rumon=Rumon'o—ino.

Rumvaldus=Rumvald'o—ino.
Rupertus=Rupert'o—ino
Rusela=Rusel'ino—o.
Rustica=Rustik'ino—o.
Rusticianus=Rustician'o—ino.
Rusticla=Rusticl'ino=o.
Rusticus=Rustik'o—ino.
Rutardus=Rutard'o—ino
Rutilius=Rutilj'o—ino.
Rutilus=Rutil'o—ino.
Rutio=Rucj'o—ino.
Rutoldus=Rutold'o—ino
Rutulus=Rutul'o—ino.

# S

Saba=Sab'ino—o.
Sabbas—Sabas'o—ino.
Sabbatius = Sabacj'o — ino.
Sabel=Sabel'o—ino.
Sabigota=Sabigot'ino—o
Sabinianus=Sabinian'o — ino.
Sabinus=Saben'o—ino.
Sadoc=Sadok'o—ino.
Sadoth=Sadot'o—ino.
Saes=Saes'o—ino.

Sagar=Sagar'o—ino.
Salaberga = Salaberg'ino —o
Salarius=Salarj'o—ino.
Salmodius= Salmodj'o—ino.
Salomé=Salome'o.
Salomon = Salomon'o — ino.
Salustarius = Salustarj'o ino.
Salustia=Salustj'ino—o.

sed mi rericevus bedaŭrojn.

**Ke mi amu**

ian ajn alian virinon, es-

pero volvería á tener pesadumbres.

**Que yo ame**

á cualquier otra mujer